OFICIALA KOMUNIKO

N-ro 1 kaj Nr. 2

de la Loka Kongresa Komitato de la XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto
Varsovio, 7-15 augusto 1937.

Interkonsente kun Pollanda Esperanto-Delegitaro estis elektita Loka Kongresa Komitato por la XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto,kiu organiziĝis jene:

Honora Prezidanto:Prof.Dr.Odo Bujwid,Prezidanto de P.E.D.

Prezidanto:Vicdirektoro Bronisław Bohdan Wyszyński,Prezidanto de Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo

Vicprezidantoj:Dr.Wilhelm Róbin, Kazimierz Zajączkowski,Leon Klimecki kaj Stanisław Karolczyk

Generala Sekretario:Aleksander Hartman

Sekretarioj: Lila Tazbirowa kaj Jan Zawada

Kasistoj: Stefan Lubliner, anstataŭanto Halina Weinstein

Komitatanoj: Mieczysław Kaus kaj Borys Strelczyk

XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto

Varsovio,7-15 aŭgusto 1937.

P r o v i z o r a   p r o g r a m o

| | | |
|---|---|---|
| Sabato 7.aŭgusto. | 12 h. | Kunsido de UEA kaj LKK |
| | 19 h. | Interkonatiĝa vespero kaj kabaredo. |
| Dimanĉo 8.aŭgusto | 9 h. | Diservoj en preĝejoj. |
| | 10-12 h. | Promeno tra la urbo. |
| | 12 h. | Solena inaŭguro de la Kongreso. |
| | 16 h. | Malfermo de jubilea Ekspozicio. |
| | 17 h. | Solena malfermo de UAB-Kongreso. |
| | 20 h. | Teatro. |
| Lundo 9.aŭgusto | 9 h. | Inaŭguro de l'Somera Universitato. |
| | 11.30 h. | Ĉe la tomboj de l'Majstro kaj Grabowski. |
| | 16 h. | Somera Universitato. |
| /Jubilea Tago/ | 17 h. | Solena kunsido de la Centra Komitato de UEA. |
| | 20 h. | Solena Laborkunsido de l'Kongreso / Festo de veteranoj/. |
| Mardo 10. aŭgusto | 9-13 h. | Fakaj kunsidoj. Vizitado de l'urbo. |
| | 16-19 h. | Somera Universitato. |
| | 20 h. | Koncerto. |
| Merkredo 11.aŭgusto | | Pilgrimado al Białystok - naskiĝurbo de l'Majstro. |
| Ĵaŭdo 12.aŭgusto | 10 h. | Laborkunsido. |
| | 17 h. | Fakaj kunsidoj. |
| | 21 h. | Internacia Balo. |

| | | |
|---|---|---|
| Vendredo 13.aúgusto | 10-13 h. | Laborkunsido. |
| | 17 h. | Folklora prezentado. Festivalo kaj literaturaj konkursoj. |
| Sabato 14. aŭgusto | 10-13 h. | Somera Universitato. |
| | 16-19 h. | Fakaj kunsidoj. |
| | 20 h. | Adiaŭa Vespero en Varsovio. |
| Dimanĉo 15. aúgusto | 12 h. | Solena fermo de la Kongreso. Postkongresaj ekskursoj. |

Turisma Sekcio de LKK preparis jam detalan programon de la ekskursoj tra Polujo,pri kiu ni informos en la dua Komuniko.

P r o v i z o r a  a d r e s o de LKK: Loka Kongresa Komitato de XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto,Warszawa,ul. Chmielna 26 m.8. Tel. 278-55 kaj 278-08.

Pro la jubilea karaktero de l'Kongreso ni petas insiste la tutmondan Esperantistaron partopreni organizon de l'Kongreso per konsiloj kaj sugestoj,ĉar LKK deziras prepari J u b i l e o n de Esperanto interkonsente kun gesamideanoj el ĉiuj landoj.

Ĉiu Samideano festu la Jubileon en la Mekko de Esperanto -Varsovio!

------ ------

---

OFICIALA KOMUNIKO

N-ro. 2

de la Loka Kongresa Komitato de la XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto
Varsovio, 7-15 aúgusto 1937.

Samideanoj!

La XXIX-a Jubilea Universala Kongreso de Esperanto devas esti viva demonstro de la fortoj de tutmonda Esperantistaro kaj samtempe celkonscia kolektigo de ĉiuj fortoj de nia movado por f i n v e n k o de Esperanto.
Pro tio la Loka Kongresa Komitato interkonsente kun Pollanda Esperanto-Delegitaro kaj la centraj instancoj de tutmonda esperanta movado metas en la idean programon de la Kongreso la jenajn ĉefajn punktojn:

1. LA JUBILEA devas esti esence labor-kaj organiza Kongreso. Ĉiuj ekskursoj kaj ĉefaj amuzaĵoj estos organizitaj tiamaniere, ke ili ne malhelpu la laborkunsidojn.

2. La partoprenantoj de LA JUBILEA devas formi esperantan parlamenton, kiu opinios pri la plej gravaj demandoj de la movado.

3. Estas nia deziro, ke dum aú tuj antaú LA JUBILEA okazu Tutmondaj Kongresoj aŭ oficialaj internaciaj konferencoj de ĉ i u j fakaj kaj ideaj esperanto-organizaĵoj. Tiucele ni invitas kore ĉiujn esperantajn fakajn organizaĵojn al Varsovio.

4. LA JUBILEA devas doni al la partoprenontoj klaran bildon de la ĝisnunaj atingaĵoj kaj stato de la Esperanto-Movado en ĉiuj landoj / en formo de ekspoziciaĵoj,bildoj,desegnaĵoj,statistikoj ktp./
Bonvolu komuniki al ni,kion vi povas prepari por la Ekspozicio.

5. En la organizo de LA JUBILEA kunlaboru aktive Esperanto-Organizaĵoj de la tuta mondo.

Tia estas la idea programo de LKK. Samideanoj! Alsendadu rimarkojn kaj sugestojn tiurilate kaj deklaru per viaj organizaĵoj, kian parton de laboro vi povas fari por kunhelpi al realizo de tiu ĉi plano.
Bonvolu provizi nin per ekspoziciaĵoj,dokumentoj,kaj bildoj el la esperanta vivo de via lando. Ĉio estos kvitancita kaj resendita post la Kongreso.La liston de la alsendota materialo estu bonvolaj havigi al ni en tri kopioj.
Por efektivigo de la planoj de LKK jam komencis labori en Varsovio jenaj Sekcioj: Artista, Dekoracia,.Turisma,Loĝeja,Redakcia,Literaturista,Propaganda,Fakaj Kongresoj kaj Speciale Jubileaj Aranĝoj.

Novaĵo!

**Sporta Sekcio**

Laŭ deziro de multaj samideanoj,ke dum LA JUBILEA okazu sportludoj,ni fondis Sportan Sekcion,kiu proponas aranĝi sportludojn esperantistajn dum la Kongreso en fakoj: piedpilko,malpezatletiko,teniso ktp. - kompreneble se sufiĉa nombro de sportaj samideanoj sin anoncos. Ni petas afable ĉiujn,kiuj interesiĝas pri aranĝo de sportludoj dum la Kongreso,interrilati tuj kun LKK - Sporta Sekcio.

**Speciala Jubilea Aranĝo:Honoriga Stelo!**

Okaze de LA JUBILEA ,LKK deziras organizi indan honorigon de ĉiuj Esperanto-v e t e r a n o j kaj pioniroj per

JUBILEA HONORIGA STELO

Organizaj detaloj de la "Statuto de HONORIGA STELO" troviĝos en la sekvonta Komuniko.

## A d m i n i s t r a j  i n f o r m o j

**Adreso de LKK:** Warszawa I,str. Chmielna 26 m.8. Tel. 278-55 kaj 278-08. Pola Poŝtĉekkonto: 29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto,Warszawa N-o 23.445.
Telegramadreso de la kasisto:Lublipres,Warszawa.

**Aliĝoj**

Aliĝis ĝis nun 42 gesamideanoj el 9 landoj. Nomaro sekvos en la tria Komuniko.

**Monaferoj**

Transsendo de la mono al LKK okazu per poŝtmandato,poŝtĉeko aŭ poŝtĝiro je la Pola Poŝtĉekkonto:29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto,Warszawa N-o 23.445,sed nur el landoj,kiuj havas liberajn monrilatojn kun eksterlando kaj liberajn kompens-traktatojn kun Polujo.
El Britujo kaj kolonioj oni pagu al Brita Esperanto-Asocio,London W.C., 142 High Holborn.
El Svisujo pagu nur al Banque Nationale Suisse en Zürich, konto"Dettes Polonaises" S-té Zahan, por LKK.
El Argentino kaj Palestino - al Pola Banko:Polska Kasa Opieki.
El Italujo - Pola Poŝtŝparkaso Roma I/10110.
El Hungarujo -al la kasisto de Hungarlanda Esperanto-Federacio s-ro Augusztiny Oszkár, Budapest I,Attila-utca 47.
El aliaj landoj oni povas uzi ankaŭ poŝtĉekkontojn de la Kasisto Stefan Lubliner,W.I.P., Warszawa:
Aŭstrio:Wien D 115973; Belgujo: Bruxelles 222461; Ĉehoslovakujo:Praha 501385; Danujo:København 24902; Francujo:Paris 110097;Germanujo:Berlin 156660; Nederlando:Den Haag 145532; Japanujo:Tokio 325 94;Latvu-

./.

jo:Riga 3838;Luksemburgo: Luxembourg 4593; Svedujo: Stockholm 4375;Jugaslavujo:Beograd 65044;Libera Urbo Danzig: 1542.

**Propaganda materialo pri Varsovio kaj Polujo**

LKK preparas propagandan materialon por prelegoj pri Polujo kaj Varsovio /lumbildojn kaj tekstojn por prelego/ kaj petas ĉiujn samideanojn kaj grupojn,kiuj estas emaj aranĝi ĉi-prelegojn,turni sin al LKK.

**Propagandaj murafiŝoj.**

LKK sendas senpage al ĉiuj organizaĵoj kaj grupoj esperantaj , kiuj sin turnas al LKK, belajn murafiŝojn pri LA JUBILEA.

**Fervoj-rabatoj**

Fervoj-rabatoj por Polujo estas garantiataj.Detaloj baldaŭ sekvos.

**Garantia Fondo**

Nia JUBILEA havos pro sia speciala karaktero multajn eksterordinarajn elspezojn.Ni tial turnas nin al vi, estimataj gesamideanoj,kun varma peto aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj laŭpove partopreni en la Garantia Fondo,estanta sub la kontrolo de Pollanda Esperanto-Delegitaro en Kraków.Ĉiu paginto al Garantia Fondo ricevos obligacion,repagotan laŭ bilanco,fermota la 1.1.1938.
Ĝis nun enpagis:

| | | |
|---|---|---|
| Prof.Odo Bujwid,Kraków | ...zł. | 200.- |
| Józef Gładki " | ..." | 80.- |
| Kaz.Rouppertowa " | ..." | 20.- |
| Dr.Leon Rosenstock" | ..." | 30.- |

Por ĉiu korespondaĵo bonvolu aldoni respondkuponon,respektive - enlande - poŝtmarkon.

**Aliĝiloj** estas riceveblaj en la redaktejoj de ĉiuj Esperanto-gazetoj kaj en la centraj landaj kaj fakaj esperanto-organizaĵoj, aŭ senpere en la Sekretariejo de LKK.

---

Varsovio,20.10.1936. ---

KONGRESKOTIZO:ordinara-angla Ł.1.17s.2 d.por familiano de la kongresano Ł.1.3 s.2d.,por helpkongresano-kaj gejunuloj malpli ol 18 jaroj-15 ŝil. FAVORKOTIZOJ POR [illegible]ANTOJ: ĝis 31.1.37-30 %,ĝis 30.4.37-20 % kaj ĝis 30.6.37- 10% malpli [illegible] krom helpkongresanoj. SPECIALA FAVORO por la landoj,kiuj aliĝis lasttempe al la devaloriga monkontrakto,pagas ĝis la 1 decembro 1936 la kotizon laŭ la antaŭdevaloriga kurzo de la angla [illegible] Francujo,Svisujo,Belgujo,Nederlando,k.t.p.

Tre Estimata Samideano Redaktoro!

Ĉi-kune Vi trovos niajn komunikojn N-o 1 kaj 2,kiuj donas la plej necesajn informojn pri 29 Jubilea Universala Kongreso de Esperanto,okazonta en Varsovio en aŭgusto 1937. Komuniko N-o 1 estis preparita speciale por la Viena Kongreso kaj aperis nur en "Pola Esperantisto" N-o 7.
Ni esperas,Estimata Samideano,ke Vi bonvolos kunhelpi en organizo de Jubilea Kongreso, kaj publikigos en Via ŝatata gazeto niajn komunikojn, kiuj ekde nun aperados ĉiam regule en komenco de ĉiu monato.
Krom komunikoj ni ekde novembro k.j. eldonos specialan Kongresan Bultenon,kiu donos ĉiun propagandan kaj informan materialon pri la Kongreso,Varsovio kaj Pollando. Ĝi servos al Vi kiel presmaterialo kaj ni esperas,ke Vin ĝi kontentigos.
Bonvolu memori,Estimata Samideano,ke Loka Kongresa Komitato estas ĉiam je Via dispono kaj tre volonte donos al Vi ĉiun necesan informon.
Akceptu,Estimata Samideano, nian sinceran saluton kaj antaŭdankon por Via kunhelpo.

LOKA KONGRESA KOMITATO

Ĉi-kune: unu afiŝo kaj 3 aliĝiloj.Informu,kiom Vi bezonas!

OFICIALA KOMUNIKO N-o 3

de la Loka Kongresa Komitato de la XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto
Varsovio, 7-15 aŭgusto 1937.

- - - - - -

LA DEVIZO KAJ LABORPROGRAMO DE LA KONGRESO

Tre Estimataj Samideanoj,

kiel Vi scias de nia Oficiala Komuniko N-o 2, la Loka Kongresa Komitato volas, ke la Jubilea Kongreso estu esence labora kaj organiza. Ni pensas, ke nia movado postulas, ke LA JUBILEA opiniu pri la plej gravaj demandoj de nia nuna movado kaj donu direktivojn por la plua agado en sekvontaj jaroj.

Nia Komitato volus antaŭ ĉio, ke la Kongreso posedu vere jubilean karakteron, metante je la frunto de ĝiaj laboroj esence realigan vortsignalon por la tuta esperantista movado, nome: la enkondukon de deviga lernado de Esperanto en la lernejojn.

La LKK pensas, ke tiu sugesta vortsignalo devos esti akceptita kiel nepra konkludo de la revuo ĝenerala de nia ĝisnuna movado, la revuo - kiu okazos, kiel decas, dum la Jubilea Kongreso post kvindek jaroj de nia laboro en diversaj landoj kaj en diversaj fakoj de la homara agado. Ni supozas, ke tiu historia revuo ĝenerala devas preskaŭ aŭtomate eniri en la programon de la Jubilea Kongreso, kiel punkto ne forigebla ne nur pro la historiaj motivoj, sed ankaŭ kaŭze de la praktikaj konsekvencoj, ĉar ĝi tuŝas ĉiujn vojojn de nia plua propagando. Farante tian ĝeneralan revuon dum la Jubilea Kongreso, ni povos tiri imperativajn kaj efikajn konkludojn koncerne ĝustajn vojojn de nia propagando en la diversaj landoj kaj en la diversaj kampoj de nia esperantista agado.

Ni pensas, ke dum la tuta Jubilea Jaro nia devo, la devo de ni ĉiuj esperantistoj, estas fari la jubilean kalkulon de nia kvindekjara agado. Ni opinias, ke ne nur la Kongreso, sed ĉiuj niaj landaj, internaciaj, ideaj kaj profesiaj organizaĵoj estas alvokitaj per tiu historia momento, per tiu jubilea datreveno, kiun ni travivos estontan jaron, fari tian bilancon. Ni supozas, ke eĉ apartaj izoluloj, studantaj tiujn problemojn, estas ankaŭ

vokitaj al tiuj ĉi laboroj sintezaj,donantaj kiel eble plej kompletan, klaran kaj koncizan bildon de la ĝisnunaj atingoj de nia movado.Tiel diritaj bilancoj,historiaj kunmetigoj,resumoj de nia agado devas enhavi egale ĉiujn sukcesojn,ĉiujn gajnojn,ĉiujn rezultatojn pozitivajn,kiel duaflanke ĉiujn nekompletajn atingojn,ĉiujn erarojn kaj ĉiujn malsukcesojn de nia movado.Farante tion,ni celos el tiuj sintezaj bildoj,apogitaj sur la larĝa bazo de nia kvindekjara eksperimentado kaj praktiko, - tiri konvenajn regulojn same por la estonta propagando kiel por la organiza kaj literatura agadoj.

Ni pensas,ke la karaktero mem de la historia momento,kiun ni travivas en nia movado,antaŭ la Jubilea Kongreso,nin plenrajtigas alvoki ĉiujn organizaĵojn,verkistojn kaj agantojn de nia movado al la laboro en tiu ĉi direkto,por la preparado de la raportoj,de la artikoloj kaj de la verkoj, kiuj koncernos la historion de la lingvo,de la literaturo,de la propagando kaj de la organizado de nia movado.

Tiaj sintezaj laboroj,preparitaj de specialistoj,konantaj la temon pritraktatan,povos servi kiel bazo al la sekvontaj diskutoj de la fakaj kunsidoj kaj de la Plena Kunsido de la Jubilea Kongreso aŭ kiel prelegoj de la Somera Universitato.Fine ili povos eniri,kiel valora materialo,en la libron de la Jubilea Kongreso,kiun ni esperas povi eldoni post la Kongreso.

Volante doni kelkajn ekzemplojn,kiel ni komprenas tiun ĉi historian taskon de la tuta esperantistaro dum la Jubilea Jaro,ni,nur kiel certajn eblojn,formulas niajn perspektivojn por la tri ĉefaj kampoj de nia ĝisnuna movado:

- LINGVO

Sur la kampo de la historio de la lingvo estus dezirinde,ke la specialistoj de tiu ĉi fako,posedantaj sufiĉan sciencan preparon,montru al la publiko esperantista kaj sekve al la alia,kian gradon de la perfekteco kaj de la ĉiuflanka riĉeco atingis nuntempa Esperanto,fidele bazita sur la Fundamento de Zamenhof,dank' al multjara praktika uzado same en la ĉiutaga internacia vivo,kiel en la scienco,en la tekniko kaj en la literaturo;en tiuj lastaj regionoj ĉefe dank' al laboroj kaj talentoj de la

kreintoj de la teknikaj vortaroj,de la tradukistoj de la ĉefverkoj de la universala literaturo kaj dank' al la laboro de la originalaj verkistoj.

Estus dezirinde ankaŭ montri,kiel de la leksikologia vortara vidpunkto Esperanto dank' al sia mirinda,facila,preskaŭ nelimigita vortfarado superis en mallonga tempo multajn lingvojn naciajn,kiuj posedas ne nur pli nombran lingvan socion,sed pli longan historion kaj senkompare pli grandan praktikan uzon,kaj malgraŭ ĉio ne posedas ĝis nun,en multaj fakoj de la vivo,kompletan vortaron kaj ofte uzas sensukcese,maltrafe elektitajn neologismojn,aŭ eĉ simple pruntas senŝanĝe vortojn el aliaj lingvoj.

LITERATURO

La literaturaj akiroj de l'Esperanto same sur la kampo de la tradukoj,kiel sur la kampo de la originala poezio kaj la prozo,prezentitaj sinteze,- donus la bildon de tiuj multaj profitoj,kiujn dank' al Esperanto oni povas ĝui jam hodiaŭ,se oni konas tiun ĉi lingvon,kaj la bildon de tiuj aliaj profitoj,aŭ ankaŭ de pli grandaj ebloj,sur la kampo de la kultura ekspansio preskaŭ de ĉiu nacio kaj speciale de la malgrandaj,kiujn profitojn tiuj ĉi nacioj jam akiris aŭ povas akiri en estonteco dank' al Esperanto.

HISTORIO DE LA MOVADO

La laboroj koncernantaj la propagandon kaj organizan movadon estus, laŭ nia kompreno,ne nur simplaj monografioj,kiuj estas multe instruantaj por ĉiu movado,sed havos ankaŭ praktikan signifon por la Kongreso,ĉar sur tiu ĉi bazo ĝi eble povus ellabori certajn rekomendojn por la estonteco, por ke nia movado evitu erarojn de la ĝisnuna nia agado,ĉefe la erarojn de la propagando kelkfoje malĝuste direktita aŭ adresita al la medioj malmulte interesitaj pri la problemo de la lingvo internacia.

--- - ---

Metante la historion de la tuta esperantismo en la programon de la Jubilea Kongreso,ni antaŭ ĉio honorigus ĉiujn niajn mortintojn kaj ĉiujn meritplenajn vivantojn,agantojn kaj verkistojn,kiuj dum la unua duonjarcento de nia movado faris de la genia projekto de Zamenhof - lingvon vivantan, lingvon riĉan,tutflankan;ni honorigus la pionirojn de la movado,kiuj vo-

kis al la ekzisto novan,vivan kaj ĉiam pli kaj pli kreskantan lingvan socion.

--- - ---

Diskutado de la metodoj de la propagando estus la revuo de ĉiuj iloj, kiujn uzadis aŭ nuntempe uzas la esperantista mondo,celante per amasa movado kreskigi nombron de nia lingva socio kaj kvazaŭ elemente "via facti" enkonduki Esperanton en la internaciajn rilatojn,farante ĝin pli ĉiutage perfekta, pli ĉiuflanka,pli universala en internaciaj rilatoj,kaj se eĉ nun,provizore, fakte ne la sola lingvo internacia,kiel tio restas ĝia fina celo,do almenaŭ unu el kelkaj lingvoj internaciaj inter la disvastigitaj en internaciaj rilatoj naciaj lingvoj,kiel la franca aŭ la angla,aŭ kiel antaŭe estis kaj ankoraŭ restas en kelkaj fakoj la latina.

--- - ---

Fine,la problemo de Interŝtata Akordo pri la enkonduko de Esperanto en lernejojn estus por la programo de la Kongreso kvazaŭ konkludo kronanta ĉiujn ĝiajn laborojn.Ĝi estus la unua provo de la malfermo de la nova vojo,per kiu Esperanto povas senkompare pli rapide eniri en ĝeneralan uzon ol tio ĉi fariĝas ĝis nun sur vojo de la propagando individua aŭ amasa,ĉar en tiu ĉi okazo ĝi fariĝos preskaŭ tuj lingvo internacia de la tuta juna generacio de tiuj landoj,kiuj ĝin devige enkondukus en lernejojn kaj per tio ĉi ĝia lernado estus ankaŭ fakte deviga por ĉiuj,kiujn la profesio devigas lerni lingvojn fakte internaciajn,kiel nun la francan aŭ la anglan.

Tiu ĉi problemo de granda graveco por la disvastigado de Esperanto devas esti antaŭ la Kongreso ĉiuflanke pripensita kaj diskutita en diversaj esperantistaj organizaĵoj en ĉiuj landoj por bono de la sekvonta kongresa diskutado.Ni pensas,ke la proponata internacia traktato pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn estus je la okazo de la realigo tiel dezirinda kaj granda rapidigo de la enkonduko de Esperanto en ĝeneralan uzon,ke ĝi certigus al Esperanto sekvontan plenan venkon,sed nature eĉ ĝi ne ĉesigus uzadon de aliaj instrumentoj de nia ĝisnuna propagando.

Ni perfekte komprenas,ke oni devas antaŭvidi en estonteco nur laŭ-

gradan anstataŭigadon de ĝisnunaj fakte internaciaj lingvoj per Esperanto, ĉar ankaŭ en la XVIII-a jarcento la lingvo franca nur laŭgrade anstataŭigadis la latinan, kiu eĉ ĝis nun havas ankoraŭ grandajn privilegiojn de la internacieco en kelkaj fakoj de la scienco, kiel medicino, farmacio aŭ botaniko.

La vortsignalo:ESPERANTO EN LERNEJOJN! sub kiu devas labori la Jubilea Kongreso, postulas, ke ĉiuj esperantistaj organizaĵoj pripensu ĝin serioze rilate al siaj landaj cirkonstancoj aŭ fakaj celoj. Ni dezirus ne pli malfrue ol kelkajn monatojn antaŭ la Kongreso ricevi el ĉiuj landoj de niaj samideanoj raportojn, montrantajn, kiel la problemo sin prezentas nun en ilia lando, kiuj cirkonstancoj favoraj aŭ malfavoraj povus faciligi aŭ malrapidigi la realigon de tiu ĉi celo en okazo de la internacia starigo de tiu ĉi problemo per la registaroj de aliaj ŝtatoj.

Ni tre dezirus kolekti antaŭ la Kongreso ĉiujn sugestojn koncerne la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, kaj ni insiste petas ĉiujn organizitajn samideanojn serioze pripensi tiujn aferojn en iliaj landaj kaj fakaj asocioj kaj alsendi iliajn rimarkojn, sugestojn kaj raportojn antaŭ la 15-a de marto 1937, por ke LKK povu resumi en unu ĝenerala raporto la nunan staton de la afero en la mondo kaj prezenti ĝin al la Kongreso kiel bazon de nia diskutado.

Varsovio, 4.XII.1936 LOKA KONGRESA KOMITATO

Dokumentaro:

1. Projekto de la samtempa enkonduko de Esperanto en lernejojn per kelkaj ŝtatoj, - prezentita la 21.5.1920 de d-ro prof. Antoni Czubryński en Pola Esperantista Societo.

2. Aprobo de tiu ĉi projekto per la kongreso de l'instruistoj kunvokita en Instituto de J.J. Rousseau - 20.4.1922 en Ĝenevo.

3. Projekto de Interŝtata Esperanta Akordo - bazita sur tiu ĉi diskutado.

4. Projekto de d-ro Jan Kędrkiewicz prezentita al la Universala Kongreso de Esperanto en Kraków 1931 kaj rekomendoj tiurilataj de tiu ĉi Kongreso.

# OFICIALA KOMUNIKO

N-o 4.

Adreso de LKK: Warszawa1, str. Chmielna 26 m.8. Tel. 278-55 kaj 278-08. Pola Poŝtĉekkonto:29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warszawa N-o 23.445.
Telegramadreso de la kasisto:Lublipres, Warszawa.

Kotizoj.

Bonvolu noti precize niajn kotizojn:

| | | | |
|---|---|---|---|
| I.Kongresa kotizo | angl.ŝil. | | 35.- |
| II.Kotizo por familiano | " | " | 22.- |
| III.Kotizo por gejunuloj ĝis 18 jaroj | " | " | 14.- |
| IV.Kotizo por Helpkongresanoj/grupoj,institucioj,firmaoj,kiuj deziras montri sian simpation al la kongreso por helpi ties sukceson kaj por ricevi kongresdokumentojn,sed ne sendas reprezentanton/ | " | " | 14.- |

Favorkotizoj por frupagantoj.

Ĝis 15 de februaro 1937. /rabato 30% /

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| I.Kotizo | angl.ŝilingoj | 24. | pencoj | 6 |
| II. " | " | 15. | " | 6 |
| III. " | " | 10.- | | |

Ĝis 30 de aprilo 1937. /rabato 20% /

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| I.Kotizo | angl.ŝilingoj | 28.- | | |
| II. " | " | 17. | pencoj | 6 |
| III. " | " | 11.- | | |

Ĝis 30 de junio 1937. /rabato 10% /

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| I.Kotizo | angl.ŝlingoj | 31. | pencoj | 6 |
| II. " | " | 20.- | | |
| III. " | " | 12. | pencoj | 6 |

/1 angla ŝilingo egalvaloras 11.I.1937 zł.1.30 /

Rimarko: grupoj kaj societoj,pagintaj kotizon I, rajtas sendi sian reprezentanton.

Transsendo de la mono al LKK okazu per poŝtmandato,poŝtĉeko aŭ poŝtĝiro je la Pola Poŝtĉekkonto:29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto,Warszawa N-o 23.445,sed nur el landoj,kiuj havas liberajn kompens-traktatojn kun Polujo.

El Britujo kaj kolonioj oni pagu al Brita Esperanto-Asocio,London W.C., 142 High Holborn.

El Svisujo pagu nur al Banque Nationale Suisse en Zürich,konto "Dettes Polonaises" S-té Zahan, por LKK.

El Argentino kaj Palestino - al Pola Banko:Polska Kasa Opieki.

El Italujo -al Pola Poŝtŝparkaso Roma I/10110.

El Hungarujo - al la kasisto de Hungarlanda Esperanto-Federacio s-ro Augusztiny Oszkár,Budapest I,Attila-utca 47.

El aliaj landoj oni povas uzi ankaŭ poŝtĉekkontojn de la kasisto Stefan Lubliner,W.I.P.,Warszawa:
Aŭstrio:Wien D 115973;Belgujo:Bruxelles 222461;Ĉeĥoslovakujo:Praha 501385;Danujo:København 24902;Francujo:Paris 110097;Germanujo:Berlin 156660;Jugoslavujo:

Beograd 65044;Japanujo:Tokio 32594; Latvujo:Riga 3838; Libera Urbo Danzig:1542; Luksemburgo:Luxembourg:4593; Nederlando:Den Haag 145532;Svedujo: Stockholm 4375.

Sekcioj

Jam funkcias sekvantaj sekcioj:

PROPAGANDA KAJ GAZETARA. Gvidanto:red.Adam Uziembło.
La Sekcio komencis energian agadon en pola kaj eksterlanda gazetaroj.

TURISTA KAJ LOĜEJA. Gvidanto:direktoro en Kabineto de Trafikministro s-ro Bronisław Wyszyński.
Ĉiujn turistajn aferojn preparas sub la gvido de la prezidanto de LKK Wyszyński - Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo. La Trafikministerio aperigos baldaŭ 12 esperantajn broŝurojn pri diversaj polaj urboj kaj regionoj. Organizata estas komuna pilgrimo al naskiĝurbo de nia Majstro, Białystok, kaj 5 postkongresaj ekskursoj:

a/Varsovio - Poznań - Biskupin /antikvaj elfosaĵoj / - Katowice /karbominejoj / -Wisła /Okcidenta Beskido - montaro /.........
b/Varsovio -.Białowieża /mondfama sovaĝa arbarego / - Vilno - Augustów /pitoreskaj lagoj/.
c/Varsovio - Gdynia /la plej granda kaj moderna haveno ĉe Balta Maro/ - duoninsulo Hel.
d/Varsovio - Kraków - Wieliczka /famaj salminejoj/ - Zakopane /Tatra montaro/.
e/Varsovio - Lwów /vizitado de famaj naftterenoj / - Worochta/Orientaj Karpatoj/.

RIMARKO:ĉiu ekskurso finiĝas en pitoreska somerrestadejo.........

LOĜEJOJ.La prezoj estas jenaj:
Hoteloj luksaj......de ŝil.angl.8 penc.6 po persono
" I-rangaj ........ " " 7 " "
"II-rangaj ........ " " 5 " "
Turistaj,privataj kaj komunaj lokoj po persono de angl.ŝil.11penc.6 ĝis ŝil.angl.4 /depende de kvartalo kaj kvalito de ĉambro/

MANĜADO. Manĝado en Polujo estas malkara.Por orientiĝo ni prezentas prezojn en meze bona restoracio:
Matenmanĝo/kafo aŭ teo,ovoj,buterpano/ -angl.ŝil.1.-
Tagmanĝo............ angl.ŝil.1ĝis angl.ŝil.2.-
Vespermanĝo......... " " 1 " " " 1 penc.6
Oni povas tamen bone manĝi por angl.ŝil.2½ tage.
Ĉiuj prezoj en hoteloj kaj restoracioj estas en Polujo sen iaj alpagoj,trinkmono ĉiam enkalkulita.
LKK klopodos organizi tre malkaran manĝejon en la Kongresejo mem.

LITERATURA. Gvidanto:Julian Tuwim.
Oni projektas aranĝi literaturan konkurson,eldonon de "Ora Libro de Esperanto",Pola Antologio ktp.

GRAFIKA KAJ DEKORACIA.Gvidantoj:Wacław Falkowski,artistografiko, kaj Jakób Wizenberg,inĝeniero-arĥitekto.
Baldaŭ aperos jubilea glumarko.

TEATRA. Gvidanto:Feliks Falkowski,dram-artisto.
La distra parto de LA JUBILEA estas jam preparata. Dum kongresa koncerto pianludos nia eminenta s-ano la konata Chopin-interpretisto,Imre Ungar el Budapest Dum Interkonatiĝa Vespero estos prezentata literatura esperanta kabaredo. En tiu Sekcio kunlaboras Jean Forge.

KURSA. Gvidanto:Borys Strelczyk.
Amasaj kursoj komenciĝas en februaro.Estas kontraktita konata Ĉe-instruisto Tiberio Morariu.

FAKAJ KONGRESOJ KAJ KUNSIDOJ. Gvidantoj:Eugenjusz Rytenberg kaj Jan Zawada.

Ĝis nun anoncis siajn fakajn kongresojn:

1/UABO. Organiziĝis LKK de Blindula Kongreso konsistanta el:Bronisław Wyszyński,majoro Edwin Wagner,parlamentano, Edward Zawadzki,direktoro de Ŝtata Blindul-Instituto en Varsovio, kapitano Jan Silhan,prezidanto de UABO, kaj Eugenjusz Rytenberg. S-ro dir.Zawadzki disponigis tute senpage al blindaj kongresanoj la domegon kaj internaton de la Instituto. Adreso de la sekretario:Jan Silhan,Lwów,str. prof.Ptaśnika 45.

2/TAGE. Dum LA JUBILEA okazos same kongreso de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.Informas s-ro d-ro Bj.Beckman,Konstapelsgatan 19,Karlskrona,Svedujo.

3/TEKA. La prezidanto de TEKA d-ro Wilhelm Róbin direktis al ĉiuj s-anoj medicinistoj alvokon pri tiu kongreso. Estas fondita speciala porkongresa TEKA-sekcio, konsistanta el gravaj kuracistoj kaj profesoroj. Sekretario estas d-ro Mieczysław Zamenhof,Varsovio,str. Senatorska 36.

4/KOOPERATIVA. Estas projektata fondo de Internacia Oficejo por kooperativaj problemoj.La Kooperativa Asocio de Polujo akceptis protekton kaj organizon de tiu ĉi kongreso.

Oni klopodas organizi kongresojn de :katolikaj esperantistoj,profesiaj ĵurnalistoj,UDEV k.a.

Estraroj de aliaj fakaj Esperanto-Organizaĵoj estas insiste petas interrilatittuj kun nia Sekcio.

SPORTA.Gvidanto:Tadeusz Mayzner.

Tiu Sekcio dependas de sufiĉa partopreno de sportantaj samideanoj.Respondis ĝis nun nur Svedoj kaj Rumanoj. La polaj sportaj instancoj promesis ĉiun helpon kaj disponigon de necesaj sportejoj.Estos vizitata la Centra Sport-eduk-Instituto, unu el plej bone arangitaj en Europo.

JUBILEAJ ARANĜOJ KAJ EKSPOZICIO.

Solenaĵoj ĉe littomboj de Majstro kaj Grabowski, Festo de Veteranoj kaj Jubilea Ekspozicio estos aranĝitaj de tiu ĉi Sekcio. Ĉiuj landaj organizaĵoj,grupoj kaj izolaj s-anoj,kiuj posedas interesajn kaj propagandsignifajn ekspoziciaĵojn, bonvolu ilin prunti al ni. Ĉiu sendaĵo estos kvitancita kaj resendita post la Kongreso.La liston de la alsendota materialo bonvolu havigi al ni en 3 kopioj.

Karavanoj
---------

Estas aranĝataj karavanoj el preskaŭ ĉiuj landoj pere de Landaj Asocioj,turismaj organizaĵoj k.a.Anonciĝis ĝis nun:

1/Brita Esperanto-Asocio,adr.:142 High Holborn,London W.C.1.
2/Esperanto-Asocio en Ĉehoslovaka Respubliko,adr.Robert Bloch,Praha,Smichow 106.
3/Estona Esperanto-Asocio,adr.Helmi Dresen,poŝtk.6,Tallinn.
4/Societo Franca por la Propagando de Esperanto,adr.34 rue de Chabrol,Paris X.
5/Ges-anoj Borel,Lyon I,1 Quai Claude Bernard.
6/Hungara Esperanto - Federacio,adr.: Sàri S. John,Budapest. VI.,Vilmos cs.ut 35.
7/Itala Esperanto-Centro,adr.Galeria V.Emanuele 92,Milano.
8/Nederlanda Esperanto-Asocio "La Estonto Estas Nia",adr. Linnaeusparkweg 100,Amsterdam-O.
9/Norvega Esperantista Ligo,adr.P.K. 942, Oslo.
10/Esperanta Turista Komisiono,Drottninggatan 18,Stockholm.

Honora Stelo
------------

Interkonsente kun Centraj Organizaĵoj Esperantistaj estas

projektata de LKK Jubilea Stelo. Ĝi estos dugrada:1/veterana ora por gesamideanoj,kiuj aliĝis al la movado dum la unua jardeko de ekzistado de Esperanto:1887-1896, 2/pionira arĝenta por ges-anoj el la periodo 1897-1912. Regularo kaj detaloj sekvos.

**Garantia Fondo**

Nia JUBILEA havos pro sia speciala karaktero multajn eksterordinarajn elspezojn.Ni tial turnas nin al vi,estimataj gesamideanoj, kun varma peto aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj laŭpove partopreni en la Garantia Fondo,estanta sub la kontrolo de Pollanda Esperanto-Delegitaro en Kraków.Ĉiu paginto al Garantia Fondo ricevos obligacion,repagotan laŭ bilanco,fermota la 1.1.1938.

**Peto**

Ni varme petas esperantajn redakciojn kaj samideanojn alsendadi al ni konstante ĉiujn gazetojn aŭ gazeteltranĉaĵojn,koncernantaj la kongreson mem kaj Polujon.

Por ĉiu korespondaĵo bonvolu aldoni respondkuponon, respektive - enlande - poŝtmarkon.

LA UNUA LISTO DE KONGRESANOJ

1.Popper Hugo,komercisto,Böhmisch Kamnitz,ĈSR
2.Saget Georges,direktoro-ĥemiisto,Elbeuf/Seine Inf./Franclando.
3.Justesen Peter Theodor,kuracisto,Fannerup per Kolind,Danlando.
4.Kyftenbelt R.W.F.,emerita pastro,Utrecht,Nederlando.
5.Malmanche Leopold Adrien,farmaciisto,Rueil-Malmaison,Franclando.
6.Bujwid Odo,profesoro,Kraków,Polujo.
7.Dupuis Marcel Daniel,inĝeniero,Paris,Franclando.
8.De Rycke Marguerite,instruistino,Gand,Belgujo.
9.Mason Lewis,Leicester,Anglujo.
10.Bloemendal Sophia Willemina,f-ino,Lochem,Nederlando.
11.Fetterode Johanna Jacoba Maria,f-ino,Lochem,Nederlando.
12.Offerhaus Aleida Gezina,f-ino,Lochem,Nederlando.
13.Petit Pierre,ŝipkonstrua redaktoro,Rosny-sous-Bois,Franclando.
14.Mooij Pieter Hendrik,matematika instruisto,Den Haag,Nederlando.
15.Steiner Hugo,kortega konsilanto,Wien,Aŭstrio.
16.Bloemendal-Wisse Elisabeth,dentkuracistino,Deventer,Nederlando.
17.Bloemendal Arnold,dentkuracisto,Deventer,Nederlando.
18.Holmes Henry W.,ŝtatoficisto,London,Anglujo.
19.Holmes Nora,s-ino,London,Anglujo.
20.Poly Pierre,fervojisto,Paris,Franclando.
21.Chapellier Jean René,fervoja desegnisto,Auboué,Franclamdo.
22.Wooding Noel,industriisto,Leicester,Anglujo.
23.Rotondo Giovanni,kanoniko-profesoro,Bari,Italujo.
24.Weinstein Halina,ĵurnalistino,Warszawa,Polujo.
25.Rytenberg Eugenjusz,teknika fabrikgvidanto,Warszawa,Polujo.
26.Rytenberg Emilja,dentkuracistino,Warszawa,Polujo.
27.Róbin Wilhelm,kuracisto,Warszawa,Polujo.
28.Bloch Robert,ŝtatoficisto,Praha,ĈSR.
29.Lubliner Stefan,redaktoro,Warszawa,Polujo.
30.Belmont Leo,literaturisto kaj advokato,Warszawa,Polujo.
31.Małek Stanisław,ŝtatoficisto,Łódź,Polujo.
32.Ungar Imre,pianludisto,Budapest,Hungarujo.
33.Ungar Ilona,s-ino,Budapest,Hungarujo.
34.Walder Otto,mekanikisto,Bern,Svislando.
35.Hartman Aleksander,urboficisto,Warszawa,Polujo.
36.Wojciechowska Helena,oficistino,Warszawa,Polujo.
37.Bugajski Edward,oficisto,Warszawa,Polujo.
38.Bloch Estera,s-ino,Praha,ĈSR.
39.Kames Jr.G.H.,s'Gravenhage,Nederlando.
40.Koch Anatol,termezuristo,Łuck,Polujo.
41.Jermołajew Mikołaj,inĝeniero,Łuck,Polujo.
42.Beckman Bjarne,gimnazia profesoro,Karlskrona,Svedlando.
43.Cohn Kazimierz,advokato,Warszawa,Polujo.

44. Wyszyński Bronisław Bohdan, direktoro en Kabineto de Trafikministro, Warszawa, Polujo.
45. Sokołowska Stanisława, oficistino, Warszawa, Polujo.
46. Koch Jurko, lernanto, Łuck, Polujo.
47. Zamenhof Leokadja; s-ino, Warszawa, Polujo.
48. Zajączkowski Kazimierz, ministeria konsilanto, Warszawa, Polujo.
49. Czubryński Antoni, gimnazia profesoro, docento de Libera Pola Universitato, Włochy apud Warszawa, Polujo.
50. Szapiro Jakób, ĵurnalisto, Białystok, Polujo.
51. Ender Janina, instruistino, Warszawa, Polujo.
52. Cense Eugenia, instruistino, Warszawa, Polujo.
53. Mędrkiewicz Jan, kuracisto, Lublin, Polujo.
54. Loth Emilian, d-ro inĝeniero, Łódź, Polujo.
55. Weinsberg Regina, f-ino, Kraków, Polujo.
56. Sári S. John, f-ino, Budapest, Hungarujo.
57. Zawada Jan, oficisto, Warszawa, Polujo.
58. Agourtine Léon, ĵurnalisto, Paris, Franclando.
59. Mihalik de Hernádszurdok József, profesoro, Budapest, Hungarujo.
60. Jakob Hans, direktoro, Genève, Svislando.
61. Jaraczewski Edmund, oficisto, Warszawa, Polujo.
62. Pikower Anna, dentkuracistino, Warszawa, Polujo.
63. Zamenhof Adam, kuracisto, Warszawa, Polujo.
64. Zamenhof Zofja, kuracistino, Warszawa, Polujo.
65. Zamenhof Wanda, kuracistino, Warszawa, Polujo.
66. Zamenhof Ludwik, lernanto, Warszawa, Polujo.
67. Hermelin-Sztencel Emilia, dentkuracistino, Warszawa, Polujo.
68. Zamenhof Lidja, Lyon, Francujo.
69. Zamenhof Helena, s-ino, Warszawa, Polujo.
70. Klein Karol, d-ro instruisto, Lwów, Polujo.
71. Klein Natalia, instruistino, Lwów, Polujo.
72. Bastien Louis, intendanto-generalo, Paris, Francujo.
73. Kempeneers Paul, kuracisto, Bruxelles, Belgujo.
74. Oliver Arthur Charles, London, Anglujo.
75. Long Bernard, ŝtatoficisto, London, Anglujo.
76. Kamaryt St., profesoro, Bratislava, ĈSR
77. Goldsmith Cecil Charles, direktoro, Rickmansworth, Anglujo.
78. Goldsmith Eileen, f-ino, Rickmansworth, Anglujo.
79. Blaise Paul, komercisto, Morden, Surrey, Anglujo.
80. Canuto Giorgio, profesoro, kuracisto, Torino, Italujo.
81. Malmgren Ernst, instruisto, Stockholm, Svedlando.
82. Malmgren , s-ino, Stockholm, Svedlando.
83. Rollet de l'Isle, ĉefinĝeniero-hidrografo, Paris, Francujo.
84. Scholze O., profesoro-inĝeniero, Reichenberg-Liberec, ĈSR.
85. Hansen K. Th., farmaciisto, København, Danlando.
86. Couteaux J., kuracisto direktoro de malsanulejoj, Paris, Francujo.
87. Dubois René, komerca direktoro, Paris, Francujo.
88. Azorin Francisko, arĥitekto, Madrid, Hispanujo.
89. Dalmau Delfi, profesoro, Barcelona, Hispanujo.
90. Hendriks P., instruisto, Leeuwarden, Nederlando.
91. Bugge-Paulsen R., kapitano, Oslo, Norvegujo.
92. Dahl Einar, instruisto, Uddevalla, Svedlando.
93. Jansson Sam, rektoro, Lidingö, Svedlando.
94. Scherer Joseph, ĵurnalisto, Los Angeles, Usono.
95. Minkow St., profesoro, Sofia, Bulgarujo.
96. Baas P. W., instruisto, Amsterdam C., Nederlando.

Laŭlanda resumo: Anglujo 9, Aŭstrio 1, Belgujo 2, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakujo 5, Danlando 2, Francujo 12, Hispanujo 2, Hungarujo 4, Italujo 2, Nederlando 10, Norvegujo 1, Polujo 37, Svedujo 5, Svislando 2, Usono 1. Entute aliĝis 96 personoj el 16 landoj.

Kralegu atente niajn Oficialajn Komunikojn N-ó 1 kaj 2

Varsovio, 12.I.1937.

LOKA KONGRESA KOMITATO